# Enhavo de *LK n-ro 001*



## Kolofono


Kunlaboris ĝis nun en La Karavelo...

David Curtis
EdNov
Edward Jashkiewicz
Francisco Stefano Wechsler
Gerrit Berveling
Imre Szabó
João José Santos
Leo De Cooman
Luiza Carol
Rafael Lins
Renato Corsetti
Spíros Sarafián

El la landoj...

Belgio
Brazilo
Britio
Grekio
Hungario
Italio
Nederlando
Polio
Portugalio
Rumanio

Proprietulo kaj direktoro

*João José Santos*

http://groups.google.com/group/lakaravelo

lakaravelo@gmail.com

software livre – libera softvaro


DANKESPRIMO

**La direktoro de La Karavelo elkore dankas al la aŭtoroj kiuj tre fideme kredis ĉi tiun projekton. Espereble, ĉiu nova numero de nia revuo portos al la internacia legantaro aliajn talentojn el esperantio.**

## Al la verkistoj

La verkistoj bv. liveru siajn verkojn por publikigo en La Karavelo, laŭ la jenaj reguloj:

1. La tekstoj estu en la formatoj odt, doc aŭ rtf.

2. La bildoj, bv. sufiĉe bonkvalitaj, en la formato jpg.

3. La tekstoj devas esti redaktitaj laŭ la esperanta alfabeto. Oni ne akceptas iun ajn alfabetan surogaton.

4. La Karavelo plene respektas la elektojn kaj stilojn de la verkistoj. Do, la verkisto devas revizii sian propran tekston, kiun La Karavelo ne transformos, escepte, evidente, de misoj. Ĉiafere la principo de La Karavelo estas: **la leganto legos kion la verkisto verkis**. Do, la aŭtoro de la artikolo, kaj nur li, responsas pri ĝia enhavo.

5. En la unua kunlaboro, se plaĉe, la verkisto sendu sian etan biografion kaj sian foteton por prezentiĝi al la legontoj. Ĉi tio ne estas deviga, sed estas agrable ke la leganto iom sciu pri tiuj kiuj verkas.

6. En la unua traduko el iu aŭtoro, estas interese ke la verkisto prezentu etan biografion de la tradukita aŭtoro kun foto kaj eventuale kun aliaj datenoj.

7. La grafika aspekto de la artikolo estas prilaborata de la redakcio de La Karavelo.

Liverante siajn verkojn kaj tradukojn al La Karavelo por publikigado, la verkistoj donacas al la revuo la tutan rajton publiki tiujn verkojn, kaj iliajn tradukojn, en elektronika formato aŭ surpapere revuforme, libroforme aŭ alimaniere. La verkoj estas publikataj en sistemo de reciproka apogo, tiel ke La Karavelo disvastigas la nomon kaj verkojn de la aŭtoroj, kaj ĉi tiuj honoras la revuon per siaj kunlaboroj. Kaj La Karavelo kaj la verkistoj rezignas pri iu ajn pago rilate al ĉi tiuj servoj, kiuj okazas surbaze de la amika kaj kultura kunlaboro.

## Eldona politiko de La Karavelo

La Karavelo estas esence literatura revuo. Ĝi naskiĝis por disvastigi la verkojn kaj valorojn kreitajn en la portugala lingvo, sendepende de la lando el kie venas la verko aŭ ĝia aŭtoro. Ĝi gvidiĝas de la esperantismo de Zamenhof, kiu deziris ke esperanto fariĝu instrumento por la paco, por la respekto kaj por la kunfratiĝo inter la homaro. Ĉirkaŭ 75% de la revuo pleniĝos je tradukoj el la portugallingva literaturo, 25% de ĝia spaco destiniĝas al esperantaj originalaj verkoj, al tradukoj el aliaj lingvoj kaj literaturoj, al sciencaj tekstoj, al esprimivaj fotoj, kaj ĝenerale al aliaj tekstoj verkitaj en bona esperanto, laŭ la spirita filozofio menciata en ĉi tiu alineo.

## Subteneblo de La Karavelo

La Karavelo estas disdonata senpage en la formato pdf. La papera versio ankoraŭ estas projekto, kaj certe dependos de sia subteneblo. Nun La Karavelo dependas nur de sia posedanto, kaj ĝia estonto dependos de la anoncontoj kaj de la abonontoj.

La Karavelo bonvenigas la kunlaborantojn kiuj deziras verki aŭ traduki al ĝi, la anoncantojn sen kiuj la revuo mortos, la disvastigantojn kiuj kreskigas la nombron de la legantoj, kaj ĝenerale ĉiujn kiuj deziras iel subteni ĉi tiun projekton.

## Abonoj

**En PDF:** La Karavelo estas disdonacata senpage al ĉiu ajn kiu ĝin elŝutu, en formato pdf, el http://groups.google.com/group/lakaravelo. Por tio, sufiĉas ke oni mem-enskribiĝu en tiu diskutgrupo.
Se vi sendos vian komenton al lakaravelo@gmail.com, kun pozitivaj kritikoj kaj proponoj, kaj ofte vizitos la ontan retpaĝon www.esperantopt.com, tiel vi pagos vian pdf-version.
**Papera formato:** Oni antaŭvidas ĝian publikigon en papera formato kontraŭ abon-prezo, dezirinde en baldaŭa onto.

## Anoncoj

La baza anonco-ĉelo por unu numero de La Karavelo, en formato pdf, estas 40cm², do 8cm X 5cm, pli larĝe aŭ pli alte laŭ la volo de la anoncanto. Tiu mezuro estas proksimume unu dekono de A4-paĝo. Pli grandaj anoncoj mezuras kaj kostas proporcie, tiel:
40cm² - 25€
80cm² - 50€
120cm² - 75€
160cm² - 100€
200cm² - 125€
La anoncanto devas liveri la enhavon de la anonco jam pretan por publikigo. Se necese La Karavelo povas desegni la anoncon kontraŭpage. La direktoro povas rifuzi anoncadon kiu ne enkadriĝu en la spirito de La Karavelo.
Sesfojan anoncadon en sinsekvaj numeroj donas al la anoncanto 10% da rabato en tiu fakturo. Ĉiuj pagoj estas faritaj en la mendo de la anonco. Kun aliaj revuoj La Karavelo deziras interŝanĝi anoncojn senpage ambaŭflanke.

# Kien navigas La Karavelo?



João José Santos

*(...)*

***Sur larĝa maro ili jam veturis,***
***tra senripozaj ondoj navigante;***
***la ventoj milde spiris kaj susuris,***
***la ŝipovelojn konke ŝveligante;***

***(...)***

***en La Luzidoj, I-19***
***de Luís Vaz de Camões***
***traduko de Leopold Knoedt***



Ankaŭ ĉi tiu karavelo jam navigas en la maro. Kiel antaŭe, jen ni en malgranda karavelo, bolinante[1] rondiras malfavorajn ventojn, ligante kulturajn kontinentojn. La maro, la ligilo inter ni, nomiĝas esperanto, la celo estas la kultura interŝanĝo, ĉar la paco konstruiĝas per pozitiva kulturo al kiu Zamenhof nomis homaranismo. Valorigo de la Homo en lia diverseco, gastamo en la fremdeco, ama kaj paca teniĝo responde al la perforto, enlinie de Hilelo, de Budo, de Sokrato, de Jesuo, de Gandio kaj de multaj aliaj kiuj venis al ĉi tiu mondo por montri la justan vojon al la homara feliĉo.

La saĝa kastilia reĝo Alfonso la 10-a, en la 13-a jarcento, konata i.a. per siaj belaj poemoj, kutime skribis siajn politikajn tekstojn en la tiatempa kastilia lingvo. Sed kiam li verkis poemojn, ilin verkis li en la galajkoportugala[2], kiu estis la kutima lingvo de la tiatempa liriko en la tuta iberia duoninsulo. La portugalaj filologoj uzas la terminon "galajkoportugala" por nomi la staton de la portugala lingvo de tiu tempo. El ĝi venas la aktuala portugala kaj la aktuala galega lingvoj kiuj estas, ankoraŭ nun, la sama lingvo. La iberiaj poetoj de tiu tempo kantis en la portugala. Kiun literaturon konstruis la portugallingvaj poetoj dum pli ol 800 jaroj? Kiun pozitivan kulturon oni povas pluki al la internacia lingvo? Kiel tiuj verkistoj perspektivis la internaciajn valorojn? La Karavelo ne respondos komplete al ĉi tiuj demandoj, sed certe kontribuos, por ke la leganto envojiĝu tra la kompreno de la portugallingva kulturo. "Mia patrio estas la portugala lingvo!" diris unu el la plej elstaraj portugalaj poetoj, Fernando Pesoo[3]. Al La Karavelo interesas ĉefe ĉi tiu perspektivo pri la

1 Bolini – navigi kontraŭ la vento per speciala veltekniko, inventita de la portugaloj kiuj tion faris en la karaveloj.
2 Galajkoportugala – ne miksu ĉi tiun vorton kun "galegportugala", kiu estas la nuna varieco de la portugala parolata en galegio, en Hispanio, norde de Portugalio.
3 PT: Fernando Pessoa [fer'nãdu pe'soa].

portugala kulturo, t.e., kulturo kreita en la portugala lingvo sendepende de la monda loko kie ghi kreiĝis.

La kulturo de esperanto estas tiu kreita en ĝi, jen originale jen tradukite. La Karavelo kontribuos al tiu pozitiva internacia kulturo, kies koncepto sin distigas de la unukultureco, por krei vere buntan internacian kulturon, ĉar ĝi reliefigas la valoron de ĉiu unuopa popolo.

Oni parolas portugale en...




Angolo
Brazilo
Gvinebisaŭo
Kaboverdo
Mozambiko
Portugalio
Santomeo kaj Princo
Timorlesto
... kaj en aliaj lokoj tra la mondo

INTERNACIE ONI PAROLU ESPERANTE

Laŭ statistikoj kiuj varias inter si, pro diversaj faktoroj, ekzistas miloj da lingvoj en la mondo, eble ĉirkaŭ 6,000. Inter tiuj, la portugala estas la kvina aŭ sesa plej parolata kiel denaska lingvo, kaj ĝi estas la tria eŭropa lingvo plej parolata en la mondo. Plejparto de ĝia parolantaro apartenas al tiu granda nacio kiu estas Brazilo, sed ĝi ne estas parolata nur en Brazilo, en Portugalio kaj en la aliaj ses portugallingvaj landoj, kie ĝi estas oficiala lingvo. La portugala estas parolata en ĉiuj kontinentoj, de multaj portugalidoj kaj de multaj elmigrintoj el la ok portugallingvaj landoj. Tiu varieco kaj multnombra parolantaro, fakte tre valora, ne situigas la portugalan en ian ajn pli prestiĝan pozicion ol la lingvoj parolataj de malmultaj homoj. Ĉiuj lingvoj havas sian valoron, sian individuecon, sian apartan kaj raran gravecon inter la aliaj lingvoj. Gravas ke iliaj parolantaroj malkovru la plej universalajn valorojn de siaj kulturoj, por interŝanĝe riĉigi la tutmondan kulturon el la individuaj trajtoj de siaj popoloj. Oni tutmondigu la etnajn kulturojn, ne por malaperigi ĉiun en rapidmanĝejon, sed por defendi ĉiujn de la surpremo de la plej povaj.

La Karavelo, kiu fariĝos kara velo por ĉiu esperantisto amanta la literaturon, invitas la esperantistaron traŝipi marojn antaŭen al nova mondo, kie regu la amo kaj la justo. Venu! Sentu la animon de ĉi tiuj popoloj ligitaj inter si ne nur de komuna lingvo sed ankaŭ de frateco.

Sed La Karavelo ne startas nur el portugallingvaj havenoj. Foje, ĝi iras al la patrina Grekio por plenigi l' animon el la eterna helena spirito, alifoje ĝi alvenas al nekonata haveno, el kie ĝi nutriĝas de la ekzoto tiel amata de la portugaloj, kaj ĉirkaŭos la tutan mondon por kunfratiĝi kun ĉiuj, ĉar se ĝia eko estis la plaĝo de Restelo[4], ĝia fino ne estas antaŭvidebla.

Bonvenon al nova literatura revuo, kiu sin gvidos far la idealoj de Zamenhof kaj de ĉiuj homoj, kiuj revis por pli bona mondo.




Malkovro de la mara vojo al Hindio en 1498, far la portugalo Vasko da Gamo (PT: Vasco da Gama ['vashku da 'gama]. Ĉi tiu unua mara vojaĝo al Hindio estas la akso de la ago en La Luzidoj, kies temo estas la kuraĝo kaj la aliaj valoroj de la portugala popolo.

4 Plaĝo el kie la renesancaj portugaloj ekis al la malkovroj.

# Fernando Pesoo – unu korpo, multaj animoj

*João José Santos*

## Malgranda biografio de granda poeto



Fernando Pesoo (1888-1935) naskiĝis en la 13-a de junio 1888 en Lisbono. Sesjaraĝe suferis li la morton de la patro, kaj post unu jaro mortis la frato. Post unu jaro, la patrino reedziniĝis, kaj li iris kun sia familio al Durbano en Sudafriko. Tie Pesoo vivis kaj studis ĝis kiam li estis 17 jaraĝa. Lia genia talento estis agnoskita en la liceo en Sudafriko, kie li gajnis gravan literaturan premion. Lia regado de la portugala kaj angla lingvoj estis tiam jam absoluta. Nia poeto vivis sian ceteran vivon en la ĉefurbo de Portugalio, Lisbono, en luitaj ĉambroj, kaj havis malmultajn amikojn. Nur kelkajn jarojn post la morto, nova generacio de literaturistoj kapablis kompreni lian geniecon. Oni scias pri ununura amrilato de la poeto, tiu kun Ofeljo Kejrozo[1].

Ekde sia 6 jariĝo, Pesoo verkis poemojn sub aliaj nomoj, kiuj ne estis simplaj pseŭdonomoj, sed aliaj personecoj kiuj iel kunvivis kun li: liaj heteronomoj. La analizo de lia vasta literatura produktado montras ke tiuj heteronomoj estas fakte aliaj personecoj. La kaŭzoj de la varieco de personecoj en ununura persono estas diskutata de la legantoj kaj specialistoj pri la poeto, kaj la klarivaj teorioj estas diversaj. Lia unua heteronomo, kiu aperis kiam li estis 6 jaraĝa, estis Chevalier de Pas kaj, post tiu, dekoj da ili aperis; la plej gravaj estis Rikardo Rejso[2], Alvaro Kampo[3] kaj Alberto Kaejro[4]. Tiuj tri heteronomoj kaj li mem, la ortonomo, subskribas la plej gravan parton de lia literatura produktado.

En sia tuta vivo, krom la eldono de poemoj en gazetoj, li publikigis tri librojn: la epopea poemaro Mesaĝo[5], en la portugala, kaj du poemlibroj en la angla lingvo. Uzinte ambaŭ lingvojn en intimaj skribaĵoj kaj en la verkado, li elektis la portugalan lingvon kaj ĝian kulturon por siaj plej gravaj verkoj. Pesoo vivteniĝis kiel liberprofesiulo tradukante inter la portugala kaj la angla. Kvankam lia literatura elekto estis favora al la portugala lingvo, tre gravas en la formado de lia literatureco lia studo de la grandaj aŭtoroj verkintaj en la angla. Lia lasta frazo, en 1935, tiam 47 jaraĝa, estis: *I do not know what tomorrow will bring*[6].

## Laŭ vi, la kavo,...

*Francisco Stefano Wechsler*
tradukis el la portugala

Laŭ vi, la kavo, kiun mi alrandas,
L' amitan ne entenas. Fuĝis rido
Kaj rigardo. Sed ene
Sin kaŝas buŝo kaj okuloj! Manojn
Ĉi-kuŝantajn mi premis, ne animon.
Ve, korpon mi priploras!

Rikardo Rejso (Fernando Pesoo)
en Odoj, odo 64

1 PT: Ofélia Queirós [o'felja kej'roz].
2 PT: Ricardo Reis [ri'kardu rejsh].
3 PT: Álvaro de Camos ['alvaru de kãpush].
4 PT: Alberto Caeiro [al'bertu ka'ejru].
5 PT: Mensagem [men'sajhãj].
6 El la angla: *mi ne scias kion alportos la morgaŭo*.

# La traduko de Mesaĝo – de Fernando Pesoo

*João José Santos*



La Karavelo ekpublikas la kompletan tradukon de la poezia verko Mesaĝo, de Fernando Pesoo. La verko enhavas 44 poemojn. Laŭ la ritmo de tri poemoj ĉiun monaton, oni antaŭvidas ke, post 15 monatoj, la leganto havos la tutan verkon, almenaŭ en formato pdf. Ke Dio gvidu la tradukiston en ĉi tiu karavelado!

En la haveno de ĉi tiu laboro, gravas lasi kelkajn notojn kiuj rilatas al la tradukaj elektoj.

Tiu kiu tradukas ĉiam iel perfidas neintence la originalon. Do, ne ekzistas perfektaj tradukoj. Agnoskinte tion, oni povas elekti kion oni perfidos, cele al minimuma damaĝo de la originalo. Kelkfoje la poeziaj tradukistoj distordas la sencon de la originalo, ĉar ofte ne eblas traduki la sencon, la tropojn, la precizaĵojn, la ambiguaĵojn, la ritmon, la metrikon kaj ankoraŭ la rimon, en stilo flua, bela kaj eleganta. Kelkaj eĉ postulas ke la poeto-tradukisto faru ĉion ĉi uzante nur... oficialajn radikojn. Ridinde! Tiuj certe ne estas poetoj, kaj ne komprenas kiel penas la poetoj kaj la poetotradukistoj por ĝentile liveri al la publiko la produkton de sia studo, talento kaj memdediĉo, kiu ofte kompromitas eĉ sian propran vivstilon.

Oni estu konscia, ke eĉ la bone tradukitaj poemoj ne estas egalaj al la originaloj. En la traduka proceso de poezio, mi konscie buĉoferas la rimon, por ke la dioj ne prenu aliajn pli gravajn elementojn de la poemo. Multe pli oni povus diri pri la afero, sed eble pli vasta verko havos spacon por tio.



Statuo de Pesoo en la kvartalo Ŝjado, en Lisbono.

# Mesaĝo

## de Fernando Pesoo

*João José Santos*
tradukis el la portugala
tradukis el la latina

*Benedictus Dominus Deus noster qui dedit nobis signum.*

*(Benita Dio, nia Sinjoro, kiu donis al ni la signon.)*



**UNUA PARTO**

**BLAZONO**

*Bellum sine bello.*
*(La milito sen milito.)*

**1. LA KAMPOJ**

**UNUA – TIU DE LA KASTELOJ**

Eŭropo kuŝas, klinita sur la kubutoj:
De oriento al okcidento ĝi kuŝas
vidante, kaj kaŝas romantika hararo
grekajn okulojn, memore.

La maldekstra kubuto estas retroira;
la dekstra estas en angulo surmetita.
Tiu diras Italion kie suriras;
ĉi tiu diras Anglion kie, distanca,
la manon subtenas, kie vizaĝo restas.

Observas, per sfinksa kaj fatala rigardo,
la okcidenton, futuro de la pasinto.

Stas la vidanta vizaĝo Portugalio.

---

NOTO: "Stas" same kiel "estas". Plejofte en poezio ĝi aperas kun apostrofo "'stas".

### DUA – TIU DE LA KVINONOJ

La Dioj vendas kiam donas.
Gloro per veo aĉetiĝas.
Ve al feliĉaj ĉar ja estas
nur kio pasas!

Sufiĉu al kiu sufiĉas
la sufiĉanta lin sufiĉo!
La vivo kurtas, l' anim' vastas:
Havi stas tardi.



Estis je veo kaj damaĝo
ke la Kriston Dio difinis:
jen lin kontraŭis al Naturo,
lin sanktis Filon.

## 2. LA KASTELOJ

### UNUA – ULISO

Mito nenias kaj tutas.
La ĉielaperta suno
stas mito brila kaj muta -
la morta korpo de Dio,
viva kaj nuda.

Tiu alvenis perŝipe,
kaj pro neesto ekzistis,
nin sen ekzisto sufiĉis.
Ĉar li ne venis, venadis,
kaj nin kreadis.

Tiel jen fluas legendo
eniranta la realon,
kaj fekundigas ĝin sekve.
Sube la vivo, duono
de nulo, mortas.

# Egerfarmos

Tristo de rikoltantoj en ŝiaj okuloj
mildiĝe-fortiĝe;
ŝia korpeto ekvibras, kiel
la animo tajde tremas-ĉitas:
ventblovita, -pacigita lago.

Estas nek kajo, nek suba ŝtono,
ondas nur la kampo,
la lumo surhavas vualon
el memoroj sonoraj belaj,
kaj ĝi senvestiĝas:
ĝi banas siajn enormajn membrojn
en la ondoj verdaj, orblondaj, -brunaj.

Karulino, mia tristokula,
zorgema rikoltanto de vidaĵoj,
ĝis kiam vivas la penso, diru,
se ĝi ekiras sur tufoj de kotherboj
fajfante, siajn plumpajn membrojn
missvingante adoleskule,
kun konkeremo;
ĝi ne toleras prizonon de la vidaĵo,
ĉar ĝi estas pli ol lumo de la ĉieloj,
pli ol grasaj ombroj de la tero.

Sankta Johano de Nepomuko,
vilaĝloke nur Johaĉjo,
la akvoj forfluis de sub li,
nun li gardas la rartrafikan stratangulon,
kun apatia rigardo
li iĝas patrona sanktulo por ĉiu,
kiu nur volas.

La rikoltantoj marŝas kun flagaj kantoj,
sed la tristo enokule,
ondoj de la kampoj surpiede,
foj-foje svingiĝas la ĉielo,
kaj ne eblas finrikolti;
la rikolto neniam estas finita,
ili ĉiam malgajas,
vanas la kantoj,
vanas taŭzita anhelo de la animo,
vanas la disradia, aŭreoliĝa plezuro,
kiel de la stomakoĉirkaŭaĵo
ĝi radias elanon en la manon,
ĝi donas akron al la rigardo,
purpuron al la ekzisto.

Karulino, mia tristokula,
kien portas la penso?
Ni ambaŭ scias,
ke ne gravas...

Eternas nur la verkado.



*Imre Szabó*
verkis la poemon

***Imre Szabó*** naskiĝis en la 2-a de marto 1952 kaj estas hungaro. Imre estas inĝeniero, pedagogo, lingvisto, poeto, tradukartisto kaj movadorganizanto. Li estas gvidanto de la ŝtate rekonitaj esperanto-lingvoekzamenoj en Budapeŝto.
Li finstudis la Esperanto-Fakon de la Budapeŝta Universitato ELTE, ĉe D-ro István Szerdahelyi. Inter 1978 kaj 1990, Imre estis plentempa dungito de Hungara Esperanto-Asocio. Li aktivas literature, hungare kaj esperante, ekde 1980, kunlaboranto de la iama Hungara Vivo, redaktoro de Budapeŝta Informilo. Li esperantigis novelojn, poemojn (en Hungara Antologio), kantojn (ekz. la plenan oratorion Mesio de Händel, prezentitan por plurmil spektantoj en Vígadó, Budapeŝto, kaj la kasedon de József Dinnyés), filmojn (En Eŭropo ie, Mefisto). Ĵus aperis lia tradukaĵ-volumo Purakore de Attila József, plej granda poeto de la hungara literaturo. Li grave kontribuis ankaŭ al la antaŭa Attila József-volumo Urboranda nokto. Liaj hungaraj poemoj aperas en centraj literaturaj gazetoj. Li hungarigis la memorlibron Infanoj de l' atombombo (la tuta volumo aperis en centra hungara literatura gazeto, la teksto okupis duonon de la gazeto), multajn novelojn, ktp. Kelkaj pecoj el liaj esperantaj kaj hungaraj verkoj legeblas en la retpaĝaro www.vortaro.hu



La poemo Egerfarmos ['egerfarmosh] estis esperante verkita de Imre Szabó, okaze de la Esperanto-tendaro de pentristoj 2007, en kiu partoprenis 28 esperantistaj pentristoj. Ili gastis en la malgranda hungara vilaĝo Egerfarmos, kiu fariĝis esperantovilaĝo, ĉar minimume 20% de la loĝantoj parolas esperante.

# Balado de la neĝo, de Aŭgusto Ĝilo

*João José Santos*
tradukis el la portugala

Frapas softe ege softe,
kvazaŭ iu vokas min.
Estas pluvo? Estas homoj?
Homoj ne, pri tio certe,
kaj ne frapas tiel pluvo.

Estas eble la ventado:
sed antaŭe, tre tre ĵuse,
ne moviĝis eĉ kudrilo
en kvieta trankvileco
de la pinoj de la vojo...

Kiu frapas tiel softe,
per tiela stranga softo,
apenaŭ aŭde kaj sente?
Ne la pluvo, ne la homoj,
ne la vento tutecerte.

Vidis mi. La neĝo falis
de l' ĉiela griza bluo,
blanke softa, blanke frida...
Longege mi ne ĝin vidis!
Kia saŭdado, Di' mia!

Ĝin rigardas mi tra l' vitro.
Koloriĝis ĉio line.
Paŝas homoj, kiam paŝas
stampas paŝojn kaj sulkiĝas
la blankeco de la vojo...

Rigardante tiujn signojn
de irantaj homoj povraj,
jen vidiĝas, kun aliaj,
la etetaj desegnetoj
de piedoj de infano...

tiel nudaj kaj doloraj...
neĝo ilin lasas vidi,
enkomence tre perfekte,
poste estas longaj sulkoj,
ĉar li ilin ne levpovis!...

Ke la homo jam pekinta
en turmentoj vivu, nu...!
Sed infanoj, ho Sinjoro,
kial doni ilin punojn?!...
Kial ili suferadas?!...

Kaj senfina malgajeco,
ia funda perturbado,
enmiiĝas, restas kroĉe.
Neĝo falas en Naturo,
neĝo falas en kor' mia.

Augusto Gil (1873-1929)
[aw'gushtu jhil]





Augusto César Ferreira Gil (1873-1929) [Aŭgushtu Ĵil] naskiĝis en *Lordelo do Ouro*, proksime de Oporto en Portugalio, kaj mortis en Lisbono. Li ekfaris siajn studojn en Gŭardo, la naskiĝurbo de liaj gepatroj, urbo kiu aperas en diversaj el liaj poemoj. Augusto Gil licenciiĝis en Juro en la Universitato de Koimbro. Li advokatis en Lisbono, kie pli malfrue enposteniĝis kiel Ĝenerala Direktoro pri la Belartoj.

Poeziaj verkoj: *Musa Cérula* (1894), *Versos* (1898), *Luar de Janeiro* (1909), *O Canto da Cigarra* (1910), *Sombra de Fumo* (1915), *O Craveiro da Janela* (1920), *Avena Rústica* (1927) kaj *Rosas desta Manhã* (1930). Kronikoj: *Gente de Palmo e Meio* (1913).

*Balado de la neĝo* estas lia plej konata poemo. La mistero de la eka situacio, en natura neĝa etoso, kiu montriĝas farita el la feliĉo de la simplaj okazoj, finiĝas en la du lastaj versoj de la kvara strofo, en kiuj la ritmo aliiĝas pro la apoteozo de la aldanko al Dio. Tamen, la observo de la neĝomarkoj ektransformas la spiritstaton de la lirikulo, kiu en la oka strofo aldemandas al Dio la kialon de la infana sufero. Ne eblas legi ĉi tiun poemon sen kortuŝo.

# Flirtanta saĝo



*Leo De Cooman*
verkis la poemon
fotis

Kiel libreto libere fluganta,
broŝuro, flirtanta folieto,
silente falas vi el la aero,
kaj forflugas legata de neniu.

Kvarfolia belo, ok paĝetoj
al mortuloj ne legeblaj;
mesaĝulo de l' eterno,
viva skribo de l' kreinto.

El raŭp' humila naskiĝinta,
per enigma transformiĝo,
kiel vi, la florojn ŝatas mi.
kiel ilin, ankaŭ vin admiras mi.

Post ovo kaj raŭpo,
krizalido, imago,
transformiĝis vi denove
al vivo supera, mistera.

Malstreĉiĝas la vivo-suĉilo
disiĝas la spiral-risorto,
velkinta restas nur figuro,
memoro pri somero ĝoja.

Ĉu nun ankoraŭ pli bela
vi iĝos en mondo plidimensia,
kun temp' por ĉiu reirebla?
Ĉu tie mi retrovos vin, papilio?

*Leo De Cooman* ['leo 'de 'koman], estas flandra inĝeniero pri mekaniko kaj elektro, 70 jaraĝa naturprotektanto, kiu kunordigas la tradukgrupon kiu uzas esperanton kiel pontolingvon en la blogo de Margot Walström. Leo verkas por diversaj esperanto-revuoj. Inter aliaj esperantaj agoj, li konstruis kelkajn esperantajn programojn, i.a., por reprodukto de la homa voĉo en esperanto. En la nederlanda, li verkis la dikan libron (230 paĝoj A4) *Boek van Mandelhoek* (Libro de Mandelangulo). Mandel estas la rivereto, kiu fluas tra la naturrezervejeto, kiun Leo mastrumis kiel konservanto dum 17 jaroj. Ĝi estas kompilaĵo de ĉiuj artikoloj verkitaj de li, enkadre de tiu estra laboro en la naturrezervejo.

La poemo Flirtanta Saĝo, verkita antaŭ kelkaj jaroj, estas nun publikigata unuafoje. Leo esperantigis jam kelkajn poemojn pri la naturo de la fama flandra poeto Guido Gezelle ['hido he'zel] (1830-1899).



Migra papilio *Vanessa cardui*. Printempe ĝi flugas el Afriko al Eŭropo, posteuloj reflugas al Afriko. Fotita en Flandrio. ***LDC***

# Guto da feliĉo



*Luiza Carol*
verkis la rakonton
(1947 Rumanujo; 1980 ĝis nun: Israelujo)
verkisto en kelkaj lingvoj,
instruisto pri lingvoj kaj muziko, tradukisto.

Mi neniel komprenas, kial homoj ankoraŭ penas manĝi dum nia jarcento, malgraŭ tio ke oni povus anstataŭigi manĝaĵon per piloloj. Kiom da senbezona elspezo de tempo kaj mono postulas la homa manĝado! Grandaj kaj malgrandaj manĝaĵvendejoj… luksaj kaj malluksaj restoracioj… kuirejoj kaj manĝoĉambroj en ĉiuj apartamentoj… Kial? Ĉu nur por malsanigi niajn proprajn korpojn? Evidentiĝas, ke oni povus engluti pilolojn, enhavantajn ekzakte kion kaj kiom ni bezonas por nia sano! Kompreneble, mi ne kutimas laŭte esprimi tiajn opiniojn, ĉar jam oni ege mokas min pro mia ĉiama manko de apetito.

Por iuj kiuj ankoraŭ ne konas min, mi devas diri ke mi estas denaska malapetitulo. Miaj gepatroj estis infankuracistoj, kaj ekde mia naskiĝo ili ambaŭ obsede klopodis trovi rimedojn por mia malapetito. Ili havis malsimilajn ideojn pri tiuj rimedoj, kaj ili ĉiam kverelis pri mia dieto. Ili kuiradis por mi malsimilajn manĝaĵojn kaj provadis konvinki min manĝi ilin. Ju pli ili penis trovi rimedojn, des pli mi malapetitis. Dum ili kverelis, mi ekploris kaj volis manĝi nek la manĝaĵojn de panjo, nek la manĝaĵojn de paĉjo. Pli malfrue, mi edziĝis kun virino kiu tute ne scipovis kuiri. Mi esperis, ke tiel ni neniam konversacios pri manĝado, ĉar tiu temo jam ŝajnis ege enuiga al mi. Sed post nelonge, mia edzino maltrankviliĝis pri mia malapetito kaj eklernis kuiri. Ŝi ofendiĝis pro mia malintereso rilate sian novan ŝatokupon. Ŝi ambiciis impresi min kaj surprizi min, plibonigante sian kuirokapablon ĉiutage. Finfine ŝi aliĝis al kurso de kuirarto, kaj post du jaroj de diligentega lernado ŝi fariĝis profesia kuiristo je plej alta nivelo. Ŝi forlasis sian postenon de apotekisto kaj dungiĝis kiel altnivela kuirartisto ĉe la plej luksa restoracio de nia urbo. Dumtempe, la rilatoj inter miaj gepatroj kaj mia edzino malpliboniĝis, ĉar miaj gepatroj opiniis, ke la kuirmaniero de mia edzino estas malsaniga por mi. Tio estis la unua fojo, kiam miaj gepatroj interkonsentis pri iu afero rilate mian dieton!

Pasis la tempo, kaj nia filino komencis havi siajn proprajn opiniojn pri manĝado. Ŝi ekestis vegetarano kaj ekinteresiĝis pri makrobiotiko. Nun mi estas la sola persono el la tuta familio, kiu ne interesiĝas pri manĝado kaj ne partoprenas en ĉiutagaj familiaj kvereloj. Ĉi somere, mia familio ferias en la montaro, sed mi trovis pretekston por resti hejme. Almenaŭ dum du semajnoj mi volas ripozi, sen aŭskulti iliajn enuigajn kverelojn. Kion mi manĝas nun? Mi scipovas kuiri rizon kaj mi aldonas al ĝi fruktosukon. Tio sufiĉas por mi, kaj tio ne postulas multan laboron.

Hieraŭ, hazarde, vizitis min bona amiko, kun kiu mi delonge ne babilis. Mi ege ĝojis vidi lin. Ni parolis, parolis, kaj subite… ni sentis strangan odoron en la ĉambro. Kio okazis? Ho, la rizo! Mi forgesis la rizon sur la kuirmaŝino! Ĝi bruliĝis! Kiel domaĝe!

"Ne forĵetu la bruligitan rizon!" diris al mi mia amiko. "Mi manĝus ĝin plej plezure!".

"Kio?! Ĉu manĝi bruligitan manĝaĵon?! Difektan manĝaĵon?! Ne, tio ne eblas. Mi tuj kuiros alian manĝaĵon!" mi diris.

Sed mia amiko insistis: li ege deziris manĝi la bruligitan rizon. Li konfesis al mi, ke fakte li ŝatas bruligitajn manĝaĵojn pli multe ol ĉiajn aliajn manĝaĵojn.

"Kial?" mi demandis scivoleme. Sed mia amiko ne respondis tuj. Li manĝis la bruligitan rizon senhaste, kun nepriskribebla plezuro, kvazaŭ ĝi estintus la plej multekosta kreaĵo de alta kuirarto. Poste, li rakontis al mi pri sia infaneco.

Li naskiĝis tuj post la mondmilito, en tre malriĉa familio kiu apenaŭ povis satigi lin. Lia patrino estis tre juna, aparte bela kaj bona, ŝatanta ludi kun li kvazaŭ ŝi estus knabino. Li rememoras ŝin kantantan, rakontantan al li fabelojn, dancantan kaj gimnastikantan kun li. Sed lia patrino preskaŭ ne scipovis kuiri, kaj ŝi ofte forgesis la potojn sur la kuirmaŝino, bruligante la manĝaĵojn. Ili estis tre malriĉaj, tial ili ne povis permesi al si forĵeti la bruligitajn manĝaĵojn. Fakte, ili kutimiĝis manĝi tiujn. La familio de mia amiko diras nun, ke lia patrino tute netalentis pri la kuirado, sed li fakte ne observis tion en sia infaneco. Bedaŭrinde, tiu gaja kaj ludema virino mortis juna. Mia amiko tiom multe amis sian patrinon, ke nun li ŝatas ĉion ajn kio rememorigas al li pri ŝi. Li diras, ke lia infaneco estis por li periodo de granda feliĉo, neretrovebla. Tiutage li diris al mi: "Ĉu vi komprenas? Ĉiu grajno de bruligita rizo elvokas por mi guton de tiu granda feliĉo…"

# Weston-super-Mare

*David Curtis*
verkis en esperanto




Mi loĝas en marborda feriejo, Weston-super-Mare ['ueston 'supa 'mea], kvardek kilometrojn sudokcidente de Bristolo, en Britio. Oni nomis ĝin erare, en 1348, kredante ke larĝa estuaro estas maro, sed la monako, kiu nomis vilaĝeton, volis fanfaroni pri sia scipovo de la latina, dum li sciis preskaŭ nenion pri geografio. La fiŝkaptista vilaĝeto similis al apuda, iom pli granda, vilaĝo, Worle (uol), do la monako distingis inter la du, nomante la vilaĝeton okcidenta loko (Weston), ĉar ĝi situis okcidente de la alia loko.



Ĝis 1820, Worle estis pli granda ol la fiŝkaptista vilaĝeto, sed subite brita princo popularigis banadon en la maro sudborde de la brita insularo. Kompreneble, jam-riĉaj britoj hastis imiti lin, kaj homoj ekferiadis en Weston-super-Mare. Sinjorinoj disvestiĝis en kabanetoj rande de la akvo kaj, vestinte sin en specialaj kostumoj, malsupreniris per ŝtupeto kaj kuraĝeme subakviĝis ĝis siaj ŝultroj. Dume, viroj je deca distanco, tute disvestis sin kaj naĝis nude.  Tia kutimo daŭris longe, ĝis la tempo kiam geviroj kune naĝis, kiam, kompreneble, la viroj dece kovris sin per kostumoj por ne ŝoki virinojn.

En 1838, fervojo atingis la urbeton kaj rapide la loĝantaro plinombriĝis, ĝis la epoko kiam estis tiom malmultekoste ferii en Portugalio kiom ferii en Weston, kie la suno malpli ofte brilis. Weston englutis Worle-on, sed poste la situacio stagnis ĝis kiam oni konstruis ŝosejon en la 1970-jaroj, kio alportis multe da homoj de la industria centro de Britio, kaj ebligis la starigon de diversaj pograndistaj magazenoj.

Nuntempe, Weston profitas de feriantoj kiuj trovis ke viciĝi dum kelkaj horoj por eniri aviadilon al Portugalio estas malpli preferebla ol ferii en Britio.  La suno ne tiom ofte brilas kiom en Portugalio, sed la brita kamparo estas pli verda ol la portugala. Aldone al tio, britaj butikistoj flue parolas la anglan.

# Sankta vendredo: la tria nokturno, de Pedro Abelardo


*Gerrit Berveling*
tradukis el la latina

Sola Vi iras, Sinjor', por buĉiĝi,
viktim' al la mort', kiun venis Vi fini:
ho kion ni povraj ĉi povas komenti
se pro niaj pekoj ni scias ke pagas Vi?

**Nia**, Sinjoro, ja **nia** ĉi kulpo:
do kial transiru al Vi tiu puno?
Suferu kun Vi do pri ĝi nia koro,
ke pro ĉi kompato ni indu je graco.

Tiu ĉi nokto enlarma, tag-trio,
vespero ĝi estu kun trista atendo,
ĝis ĝoja mateno kun plena feliĉo
ĉagrenajn atingos: **Leviĝis Sinjoro!**

Faru, Sinjor': ni Vin tiom kompatu,
ke en via glor' partoprenaj ni estu;
ĉi tiu tag-trio lamente do pasu,
ke l' ridon de l' graco paskfesta Vi donu.

Petro Abelardo (1079-1142)

Gerrit Berveling naskiĝis en 1944 en Vlaardingen. Li estas nederlanda esperantisto, redaktoro de la rubriko Spirita Vivo en la revuo Monato kaj redaktoro de la literatura revuo Fonto, membro de la Akademio de Esperanto. Profesie li duoble fakas: gimnazia instruisto pri la klasikaj lingvoj, kaj la latina kaj la helena, kaj pri la itala, kaj remonstranta pastoro. Unue li 14 jarojn instruis, poste 14 jarojn laboris kiel pastoro, kaj nun denove instruas. Li verkas en multaj ĝenroj (poezio, prozo, eseo), kaj pluregaj verkoj el diversaj lingvoj estis tradukitaj de li. Li predikas pli-malpli regule dum Esperanto-renkontiĝoj en ekumenaj diservoj. Por sia traduko de Antologio Latina li ricevis OSIEK-premion en 2003.

Kiel 13-jarulo li forlasis la hejmon, dezirante fariĝi romkatolika pastro. En seminario li ricevis gimnazian edukon. En la kvina klaso li tralegis la tutan Biblion kaj tio ŝanĝis lian vivon: li forlasis la seminarion kaj la romkatolikan eklezion, fariĝis provizore filologo pri klasikaj lingvoj, mezlerneja instruisto. Teologian hejmon li fine trovis en la liberkristana remonstranta eklezio, kies pastoro li fariĝis post studado de teologio. Li okupiĝas tre pri la bibliaj tekstoj, sed ne konsideras ilin "la Parolo de Dio", ĉar la unuopaj bibliaj aŭtoroj "korektadis" siajn antaŭulojn, kaj ĉiu religio kaj eklezio (samarianoj, hebreoj, romkatolikoj, grek-ortodoksuloj, rusaj ortodoksuloj ktp.) konsistigas "sian" Biblion el diferencaj bibliaj tekstoj kaj libroj.

Lastatempe Gerrit Berveling ankaŭ iom sisteme kontribuas al la esperantlingva "Vikipedio".

# La Grapiuna Knabo – de Jorge Amado



*Rafael Lins*
tradukis el la portugala
Studento pri Historio en Universitato Federala de Bahio, Brazilo.
Eklernis esperanton en 1999.



Jorge Amado (1912-2001). Estıs bahia romanisto, unu el la plej elstaraj verkistoj de la portugala lingvo dum la 20-a jarcento. En esperanto aperis “La morto kaj la morto de Kinkas Akvobleko” (Fonto, 1984. Tradukis Geraldo Pádua).

Post tiom aŭdi rakonti mia patrino, la sceno fariĝis viva kaj reala, kvazaŭ mi estus konservinta memoron de la okazintaĵo: la ĉevalino falanta morta, mia patro, banata per sango, min levanta de sur la grundo.

Mi estis dekmonat-aĝa, rampadis en la hejma balkono je la fino de la sunsubiro, kiam la unuaj ombroj de la nokto eksterniĝis sur la kakao-arbarojn de lastatempaj kultivadoj, sur la virgan ĝangalon malgastaman kaj antikvan. Defloranta terojn, mia patro starigis sian domon iom trans Fehadas[1], vilaĝo el nova municipo Itabuna, kulturis kakaon, tiaman riĉaĵon de la mondo. Estis epoko de la grandaj luktoj.

La lukto por posedo de la ĝangaloj, nenies tero, disetendiĝis per embuskoj, politikaj kvereloj, kunvenoj de ĵagunsoj[2] en la sudo de ŝtato Bahio; oni negocadis brutojn, armilojn kaj homajn vivojn. Serĉante la Eldoradon, kie mono estis ludaĵo por infanoj, alvenadis la laborfortoj, venintaj el fora enlando sekeca, aŭ el Serĝipo[3] de povreco kaj de manko de dung-oportunoj – la “luituloj”, la lertaj pri falĉilo kaj sarkilo, kaj la lertaj pri pafado. Dungitaj laŭ alta pagtabelo, la ĵagunsoj, kies pafadoj estis la plej trafaj, gajnis apartajn komplezojn. La krucoj signomontris la vojojn de la diskonigata progreso de la regiono. La kadavroj sterkis la kakao-arbarojn.

Mia patro estis detranĉanta sukerkanon por la ĉevalino, lia preferata rajdbesto. La ĵagunso, ŝtellokita malantaŭ gujavarbo, la fusilo apogita sur arbobranĉa forko (tiel mi perceptas en la klarvida rememoro), atendis la taŭgan momenton por senŝargumi la pafilon. Kio estis savinta la kompatindan? Subita movo lia aŭ de lia ĉevalino, ĉar la bruto ricevis la mortigan kuglon, dum en la ŝultrojn de la kolonelo[4] Johano[5] Amado de Faria algluiĝis la bulformajn pulverojn kiujn li neniam deprenis, videblajn tra sub lia haŭto ĝis la fino de lia vivo. Montritaj post ioma rifuzo kaj ioma fiero por bildigi la ripetadan rakontaĵon de mia patrino.

Ankoraŭ sukcesis la vundito levi sian filon kaj kunporti lin ĝis la kuirejo, kie sinjorino Eŭlalja[6] pretigis la vespermanĝon. Li transdonis al ŝi la infanon plenbanitan per la patra sango. Tio okazis en la fora jaro 1913. Mi naskiĝis dum aŭgusto 1912 en tiu sama kakao-kultivejo, kiu nomiĝis Aŭrisidja. Frujunaĝa, mia patro forlasis la serĝipan urbon Estansja[7], civilizita kaj dekadenca, cele al aventuro de la ter-esplorado en la sudo de Bahio, por partopreni la fondiĝon, kun tiom multaj kunpartoprenantoj de tiu senmezura epopeo, de la civilizacio de kakao, forĝi la grapiunan nacion – post malmultaj kilometroj for de Fehadas, je la limoj inter Iljeus[8] kaj Itabuna, staras hodiaŭ universitato kun ĝiaj miloj da gestudentoj. Sed, tiuepoke, mia patrino endormiĝis kun la pafilo sub la litkuseno.

---

1 PT: “Ferradas”.
2 PT: “Jagunço”, privata gardisto, kvazaŭ soldato, kiu ariĝis en trupoj sub la estrado de grandbienuloj.
3 PT: “Sergipe”, eta ŝtato je la nordoriento de Bahio.
4 Titolo kiun gajnis grandbienuloj, ne nepre armeanoj.
5 PT: “João”.
6 PT: “Eulália”.
7 PT: “Estância”.
8 PT: “Ilhéus”, marborda urbo proksime de “Itabuna”, ĉefurbo de la kakao-produktado.

# Du poemoj de Zygmunt Krasiński

*Edward Jaśkiewicz*
tradukis la poemojn el la pola



Zygmunt Napoleon KRASIŃSKI, naskiĝis en la 19-a de februaro 1812 en Parizo, kaj mortis en la 23-a de februaro 1859 en Parizo. Krasiński estis granda pola verkisto, poeto kaj unu el la "kvar profetoj" (kune kun Adam Mickiewicz, Juliusz Słowacki kaj Cyprian Norwid); li estis ankaŭ filozofo. Pseŭdonomo: Spiridion Prawdzicki. Li estis ido de la magnata familio Krasiński.

Krasiński studis ĉe la Varsovia Universitato. Kiam li veturis al Svisio, li ekkonis tie la literaturon kaj pensadon de la eŭropa romantismo. Plej gravan influon al lia menso havis lia patro, Wincenty Krasiński, napoleona generalo, adepto de "ejo de klasikuloj". Zygmunt neniam povis eliri el la influo de sia patro, kiu umis same en liaj politikaj opinioj kiel en lia privata vivado. Krasiński partoprenis en la Novembra Ribelo. Li devis interrompi la studadon. Li forveturis eksterlanden, tiel liberiĝante el la patra influo, kaj loĝis en Francio kaj Italio.

Krasiński komencis verki ankoraŭ en Varsovio, tamen famon li gajnis nur post la skribado de Nie-boska Komedia (Ne-dia Komedio) en la jaro 1833. En lia plej valora verkaro estas Irydion (1836), Agaj Han (1834) kaj Psalmoj de Estonteco (1844-1848). Krasiński estis tre influita de mesianismo. Laŭ li, afero de sendependeco de Polio rilatas al la Dia afero. Laŭ multaj, Krasiński volis batali, sed li estis tute pacifista.

## AŬTUNA FLORO

Ĉiel' jam morna kaj prujn-nebulara,
dum ĉiuj floroj jam mortis sur tero,
por vi ĉi lastan mi trovis - ho, kara
kaj jen alportas mi ĝin kun espero,
ke ĝi memoron unikan konservos,
ke por ĝi bonan vi lokon rezervos.

Zygmunt Krasiński

## SE AL MI IAM

Se al mi iam en la vivo estris
feliĉ' aŭ gloro sur la vojo tera,
mi ĝin rezignas, nur kia vi estis
plu por mi restu tiom bela, vera.

Se pro ĝoj' via la postsigno eta
- lasita post la ĉiu sveno via -
kaŭzos rideton vian, nun mi preta
por malĝoj' longa, por sorto fia.

Por vi mi vivis kaj por vi agadis,
kvazaŭ du riveroj mia vivo ĉiam
kun via vivo interplektiĝadis.
Do se vi velkos, estingiĝos mi jam...

Zygmunt Krasiński

# Ĉi tiu Esperanto estus turka, se oni legus la intencojn de Zamenhof!

*Renato Corsetti*

Profesoro pri Psikopedagogio de lingvo kaj komunikado, Università di Roma "La Sapienza", Facoltà' di Psicologia 1.



Naskiĝis en 1941-a. Post unua doktoriĝo en 1964-a pri Ekonomio en la Universitato de Romo, "La Sapienza", kaj post kromaj studoj en la Universitato de Torino pri organizado, ek de la jaro 1974-a okupiĝis pri studoj pri lingvoj kaj aparte pri soci-lingvistiko. Poste, ek de la jaro 1980-a, okupiĝas pri esploroj pri infana dulingveco kunlabore kun profesorino T. Taeschner de la Fakultato pri Psikologio de la universitato "la Sapienza" en Romo.

En la movado li estis aktiva en pluraj lokaj, landaj kaj internaciaj organizaĵoj. Honora prezidanto de TEJO, eksprezidanto de UEA, nuna prezidanto de Itala Esperanto-Federacio.

Esperanton kreis viro, kies menso altgrade funkciis virine, per intuicio. Bonŝance li ne estis lingvisto, sed simple lingvo-amanto. Bedaŭrinde postaj generacioj de viroj, kies menso funkcias nur vire provis kompreni ĝin, uzi ĝin kaj perfortis ĝin. Aliflanke Zamenhof estis filo de sia tempo kaj el tio venas la problemoj pri seksismo en Esperanto, kiuj estus tute solveblaj, se oni ne obstinus virece tranĉi ilin per forto kaj gajni kontraŭ la aliaj.

Esperanto naskiĝis en Eŭropo, sed Zamenhof ne volis ĝin lingve hind-eŭropa. "Mi aranĝis plenan dismembriĝon de la ideoj en memstarajn vortojn. Sed ĉar simila konstruo de lingvo estas tute fremda por la eŭropaj popoloj kaj alkutimiĝi al ĝi estus por ili afero malfacila, tial. . . [1]". Li komprenis, kion li volas fari, kvankam li mem ne ĉiam sukcesis sekvi siajn principojn. Postaj generacioj de eŭropaj parolantoj de Esperanto kaj miskomprenis kaj intence provis igi Esperanton pli eŭropa. Rasismo (boninteca, pretervola kaj ne rimarkata) estas alia ismo.

Estas tempo por redoni al virinoj kaj al neeŭropanoj sian lokon en Esperanto, ne tuŝante la Fundamenton.

**1. Intencoj de Zamenhof**

La intencoj de Zamenhof estis noblaj kaj puraj. Tio estas vera laŭdifine. Li volis fari lingvon, kiu estu facila, regula, sed pli manipulebla ol Volapük. Kun vortaro konsistanta el konataj internaciaj radikoj. Li, do, volis krei Bonan Lingvon, eble ĉefe ĉar li ne tiom interesiĝis pri la lingvo kiom pri la enhavo, la interna ideo, la homaranismo, ktp.

Ĉiukaze li havis grandan intuician ideon. Malice oni povas diri, ke li havis tiun ideon kaj ne forĵetis ĝin, ĉar li ne estis profesia lingvisto sed nur lingvo-amanto. Ĉiuj postaj grandaj lingvistoj (ni citu nur Jakobson), kiuj provis fari internaciajn lingvojn en la postaj jardekoj alvenis nur al naturismaj meznombraĵoj.

La ideo de Zamenhof estis la jena:

"Mi aranĝis plenan dismembriĝon de la ideoj en memstarajn vortojn, tiel ke la tuta lingvo, anstataŭ vortoj en diversaj gramatikaj formoj, konsistas sole nur el senŝangaj vortoj. Se vi prenos verkon

1 Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto, 1929 - 12-a eldono, Parizo: Esperantista Centra Librejo, paĝo 248-a.

skribitan en mia lingvo, vi trovos, ke tie ĉiu vorto sin trovas sole kaj ĉiam en unu konstanta formo, nome en tiu formo, en kiu ĝi estas presita en la vortaro. Kaj la diversaj formoj gramatikaj, la reciprokaj rilatoj inter la vortoj k.t.p. estas esprimataj per kuniĝo de senŝanĝaj vortoj.

Sed ĉar simila konstruo de lingvo estas tute fremda por la eŭropaj popoloj kaj alkutimiĝi al ĝi estus por ili afero malfacila, tial mi tute alikonformigis tiun ĉi dismembriĝon de la lingvo al la spirito de la lingvoj eŭropaj, tiel ke se iu lernas mian lingvon laŭ lernolibro, ne traleginte antaŭe la antaŭparolon (kiu por la lernanto estas tute senbezona), - li eĉ ne supozas, ke la konstruo de tiu ĉi lingvo per io diferencas de la konstruo de lia patra lingvo."

Tio estas skribita, vere skribita de Zamenhof, ne inventita de mi. Alivorte Zamenhof celis fari lingvon kun neŝanĝeblaj morfemoj, kiel la turka. Sed esperantistoj apenaŭ legis la antaŭparolon de la propraj lernolibroj, kiu, male al tio kion la bona doktoro pensis, ja estas bezona.

**2. Kaj kio okazis en la realo...**

Okazis, ke ankaŭ la unuaj esperantistoj estis filoj de sia tempo kaj de "sia lingvo". Jam en la unua jaro Zamenhof estis inundata de reform-proponoj. Oficiale ili ŝuldiĝis al la fakto ke la lingvo ne rapide progresis kaj al la deziro forigi tiujn facetojn de la lingvo, kiu malhelpas ĝian progreson. En la realo temis pri la nekonfesinda deziro "malsovaĝigi" Esperanton kaj igi ĝin pli simila al la "grandaj" okcidentaj kulturlingvoj, alivorte al la franca. Same nekonfesinde hodiaŭ la klopodo estas similigi Esperanton al la angla.

Jam en 1894 Zamenhof publikigis en La Esperantisto ampleksan reformproponaron, kiu estis malakceptita de la tiamaj esperantistoj.

Kaj jen la tiam proponitaj reformoj (kiuj similas al multaj el la nuntempaj):

- La supersignoj malaperas.
- La c estis elparolata kiel malnova ŝ; z kiel malnova c.
- Artikolo ne plu ekzistas.
- La akuzativo havas la saman formon kiel la nominativo.
- En multenombro la substantivoj anstataŭas -o per -i.
- La adjektivo finiĝas, same kiel la adverbo, per -e kaj ne ŝanĝas sian formon.
- La tabelaj vortoj estas anstataŭataj per vortoj prenitaj el la naturaj lingvoj.
- La prepozicio "je" estas unue forigata sed poste aperis en la reformita vortaro.

Kaj jen ekzemplo de la reformita lingvo:

Unuaj vortoj de "Patro nia": Patro nue kvu esten in cielo, sankte estan tue nomo, venan regito tue, estan volo tue, kom in cielo, sik anku sur tero.

kaj kelkaj ekzemploj el la vortareto proponata:

- borgeso (= burĝo)
- kavalo (= ĉevalo)
- omnu (= ĉiu)
- koruso (= ĥoro)
- jovedo = ĵaŭdo)
- meilo (= mejlo)
- epolo (= ŝultro)
- sik (= tiel)

En 1909 aperis la unua oficiala aldono al la Universala Vortaro produktita de la tiama Lingva Komitato (nuna Akademio).

En ĝi la agado de la kaŝeŭropistoj estas ankoraŭ pli evidenta.

Jen kelkaj ekzemploj laŭ grupetoj .

En la unua grupo estas vortoj, kiuj rekte kontraŭstaras la vorto-faradon de Esperanto laŭ la Fundamentaj reguloj. Ĉu vi memoras pri la dismeto de la ideoj, kiun havis en la menso Zamenhof?

antipatio: malsimpatio aŭ malinklino
anonima: sennoma
tragikomedio: tragedio, kies finiĝo estas feliĉa

Ni ne komentu pri la enkonduko de la radiko "tragi-", kiu ŝajne validas nur en ĉi tiu okazo.

Eble ankaŭ

antipodo: loko de la tero, kuŝanta sub niaj piedoj sur la alia duonglobo

estas parto de la enkonduko de la radiko "anti-" tre vivanta ankaŭ nuntempe en, ekzemple, "antisemit-", kiun mi nomus "kontraŭ-ŝem-id-".

La dua grupo rilatas al la fifama sistemo geografio-geografo, kiu firmigas sian ĉeeston, kaj donas eblecojn al postaj generacioj fari multe pli da strangaĵoj.

filozofio: scienco pri la esencaj plej ĝeneralaj principoj kaj kaŭzoj de la estado. filozofo: scienculo, kiu esploras kaj pritraktas la filozofion.
mito: tradicia fabela rakonto pri antikvaj dioj kaj praaj tempoj.
mitologio: tradiciaj fabelaj rakontoj de la antikvuloj pri la dioj kaj duondiaj herooj.
filologio: scienco, kiu . . . esploras la lingvojn kiel organojn de la spirita vivo de la popoloj.
filologo: scienculo, kiu studas la filologion.
astrologio: arto diveni ion estontan laŭ la astroj.
astrologo: astrologiisto.
astronomio: scienco pri la astroj
astronomo: astronomiisto
filantropo: humanulo, homaramanto aŭ bonfarema homo.
filantropio: humaneco, homaramo aŭ bonfaremo.
teologio: metoda studo pri Dio kaj diaj aferoj.
teologo: teologiisto.

Iom aparta estas la pozicio de:

inkvizicio: mezepoka eklezia institucio kaj tribunalo.
inkvizitoro: membro de la inkvizicia tribunalo.

ĝenerale abundas okcidentaĵoj:

manuskripto: manskribaĵo, skribaĵo destinita por presiĝo.
beletristiko: literaturo laŭ la artisma vidpunkto.
depeŝo: urĝa sciigo, sendita per rapida vojo, precipe per telegrafo.
kavalerio: parto de armeo konsistanta el rajdsoldatoj.
spado: glavo konsistanta el longa, rekta, mallarĝa, pinta kaj unutranĉa aŭ dutranĉa klingo kun tenilo.
adjutanto: oficiro, kiu komunikas al la subuloj la ordonojn de generalo.
aŭtentika: nedubeble certa, vera aŭ originala, oficiale certigita.
hekatombo: buĉofero el cent bovoj, ĉe antikvuloj.

La verkon de la tiama Lingva Komitato daŭrigis kun elano la postaj generacioj, en kiuj oni konstante plu provis forigi la radikojn ĝermanajn aŭ rusajn enkondukitajn de Zamenhof. Se li mem ne estus protekstinta per la Fundamento vortojn kiel "fingro" kaj "tago" kaj "prava", nun ni certe dirus "deto", "ĵurneo" kaj "rajta". Preter la ŝerca tono, efektive statistikaj kalkuloj pri la morfemaro de Esperanto de la Universala Vortaro tra Plena Vortaro ĝis Plena Ilustrita Vortaro, montras ke la procentaĵo de enkondukitaj morfemoj nek francaj nek anglaj praktike emas reduktiĝi al nulo en la lastaj tempoj.

# La hundejo de s-ro Smito



*EdNov*
verkis la poemojn

S-ro Smito posedas hundejon
grandegan!…
Tiom granda, kiom la mondo;
kaj multajn, multajn, multajn hundojn,
evidente.

Ili konstante bojas
bojadas, bojadas, bojadas…
unuj kontraŭ la aliaj,
kaj inter si kverelas
senhalte.

Sed tuj kiam ili ekvidas la mastron
(s-ro Smito)
ili alkuras al li
bojantaj
bojetantaj
ridetantaj (t.e. la vostojn svingante)
ĝojege.

Gaja iĝas ankaŭ s-ro Smito
ilin vidante tiamaniere:
feliĉaj, fidelaj, humilaj
ĉiame.

Kaj li de ili sin lasas leki,
lekadi, lekadi, (kelkfoje kie li ne atendas),
sed tio eĉ plezurigas lin,
kaj igas lin feliĉa,
ĉar li sin sentas la mastro
de tiom da hundoj
fidelaj, humilaj,
ĉiam rampantaj,
kontentece.

Ege feliĉa
iĝas s-ro Smito
pro tiom da fideleco
tiom da rampado
tiom da humileco,
sed foje li eĉ tediĝas
kaj reciprokas per manfrapoj
la humilecon elmontrada
tiom humilece.

Surprizige
ilia humileco
kreskegas,
la hundoj rampas ankoraŭ plue,
lin lekadas ankoraŭ plue,
lin pridisputas ankoraŭ plue
unuj kontraŭ la aliaj
kruelege.

Kaj dum la disputado
pri la mastraj batoj
ili bojas, bojadas, bojadas
unuj kontraŭ la aliaj,
eĉ batalas
unuj kontraŭ la aliaj;
ili bojas senhalte
ĉiu per sia propra bojado
pli forta ol tiu de la alia
pli terura ol tiu de la alia,
ĉiam bojante, bojegante
seninterrompe.

Kaj dum ĉi tiu bojada konfuzo
en kverelado
en pridisputado pri la obeemo
al la mastro
ili igas ankoraŭ pli grandan
la feliĉon
de la mastro,
kiu eĉ ridetas
kontentege.

S-ro Smito estas feliĉega
pri tiom da hundoj siaj,
kaj eĉ ŝatas vidi ilin
kvereli unuj kontraŭ la aliaj,
lin plezurigas kompreni,
ke ili ne sin interkomprenas,
bojante unuj kontraŭ la aliaj
malsame.

Li ŝatas ankoraŭ plu
ilin aŭdi
bojeti al li mem
ĉiam egale,
smite
evidente.

Alie
li ne manfrapos ilin, ne!
Li ilin piedfrapegos!!!…

EdNov

## Plezuro



La plezuro
redonadi plezuron
pro ricevado de plezuro.

Neniu donas la unua
neniu ricevas la unua.
Ĉio estas spontanea, instinkta,
intuicia, samtempa, refleksa,
donado, ĉiam donado.

Donado sen atendo de redonado,
sed redonado nepras
por ke la donado de plezuro
estu redonata
pro la ricevado de plezuro.

Nur plezuro vidalvide plezuro !

EdNov

## Ateista preĝo

Nun,
pro tio ke mi
sentas min maljuniĝi,
ĉiuvespere ĉe enlitiĝo
mi preĝas …

Nur unu preĝon
simplan kaj mallongan,
du liniojn, ne pli:

« Se morgaŭ mi vekiĝos mortinta
mi ekkredos je dio ».

Je iu ajn
el inter la miloj, kiujn
deĉiame tra la tuta mondo
la animala homtimo imagis,
pri tio mi fajfas !

Interdisputu ili
la fetoran mortintaĵon…

EdNov

# El la lulilo de Eŭropo

*João José Santos*
tradukis el la greka

## KIOM VI POVU

Se ne povas vi gvidi la vivon laŭvole,
vi ĉi tion tre firme klopodu almenaŭ
tiom kiom vi povu: ne ĝin malnobligu
en rilatoj multegaj kun homoj mondumaj,
en agado diversa kaj vandiskutado.

Ne la vivon vi gvidu antaŭen malnoble,
rondirante oftege kaj ĝin malkaŝante
en vulgara stulteco de la ĉiutago
de la ligoj personaj kaj de la kuneco,
ĝis fariĝas la vivo kvazaŭ ĝena kseno.

Konstandinos Kaváfis

## MIA BRILA ETA LUNO

Mia brila eta luno,
iru mi sub via lumo
al lernejo por la lerno,
por ke studu mi literojn,
la literojn kaj studerojn,
kaj de Dio la aferojn.

popola poemeto

## TESTAMENTO

Kredas mi poezion kaj amon kaj morton,
tial kredas mi la senmortecon. Mi versas,
versas mi l' kosmon, mi kaj la kosmo ekzistas.
River' fluas de l' pinto de mia fingreto.
La ĉielo sep foje lazuras. Ĉi puro
estas ree l' unua ver', mia vol' lasta.

Giánnis Rítsos

## HELENAJ POETOJ

Tre malmultaj nin legas,
tre malmultaj scipovas nian lingvon,
sen aplaŭdoj ni restas, kaj sen justo,
en ĉi fora angulo,
sed kompensas al ni skribi helene.

Kósta Móndi

foto: João José Santos 2008 ĉiele de la insulo Keo, Grekio

# La Templo de Sunjo



El la profundo de la tempoj flustras poetoj poreterne... nun en lingvo eĉ pli dolĉa. La lando aspektas eŭropece, sed pulsas el ĝi la prafortoj prometeŭaj kiuj liberigis la homon el la tenebroj. En la foto, la energia Templo de Sunjo atestas ke pasinto kaj futuro renkontiĝas en la nuno.

foto k teksto: João José Santos 2007

## LASU LA BARKON... (unua strofo)

*Spíros Sarafián*
tradukis el la greka

Lasu la barkon laŭvole flugadi sur l' ondo
stirilon kaj velon regu la vento,
la flugilojn etendu vi tute, finon la mondo ne havas,
estas pli belaj ĉiam la bordoj nekonataj...
La vivo estas nur prujno, estas ondo,
trenu ĝin kien volas la vento, kien scias la vento...

Kostas Hhatzopulos (1868-1920)